HAMBURG Esperanto



6/1995

Decembro/Januaro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# Invito al *Hansa Semajnfino* en Bäk

**Kiel (ehh). Post renkontiĝo de la nordaj Germanaj landaj Esperanto-ligoj 1995 en Rostock, por Aprilo 1996 SHELO invitas al *Bäk* ĉe Ratzeburg. La *Hansa Semajnfino* estu ne nur Germana sed norda Eŭropa renkontiĝo. Pro la kunlaboro de Hella Lanka (Hamburg) estis eble, okazigi la renkontiĝon en kristana domo je favora prezo pro la partopreno de kristana grupo *KELI*.**

La domo "Christophorus-Haus" situas apud la lago de Ratzeburg, vid-al-vide de la katedralo. Ĝi estas ekipita komforte kaj disponas pri diversaj salonoj kun teknika ekipaĵo por prelegoj, kursoj kaj kunsidoj. La moderna domo ankaŭ ofertas servojn por handikapuloj kaj specialan manĝaĵon por vegetaranoj. Estas bedaŭrinde, ke la renkontiĝo okazos jam en Aprilo, kiam ankoraŭ ne eblas naĝi en la lago – sed almenaŭ eblos ĝui la belan ĉirkaŭaĵon. **vd. p. 5**



La kunvenejo "Christophorus-Haus"

Genn.-Nr. 72276

## Enhavo



## Editoraĵoj

***Esperanto Hamburg***
**Eldonanto**:
*Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95
D-20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65 (=Fakso)
Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)
Kto. 173 22-207
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr*
Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,
✆ (040) 43 51 97
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

Redaktofino de n-ro 1/1996:
13-01-96

## Sentenco

**En mondo maljusta
tiu, kiu vokas por justeco
estas taksata freneza.**

## Bati la heroldon

Kiel reago al mia artikolo en EHH 5/95 "Adiaŭ Bonn – Bonan Nokton Berlin" mi ricevis du (!) protestleterojn de GEJ kun peto (postulo), ke mi publikigu ilian kontraŭpozicion. Estas rajto en Germanio, ke oni povas postuli tion; bv. legi paĝon 10.

Tamen mi ne tute scias, pro kio oni plendas pri mia artikolo.
Laŭ *Vera Tautorat* la artikolo enhavas "senbazajn" kaj laŭ *Marcus Sikosek* "sendignajn" atakojn kontraŭ Berlin.

Oni povus riproĉi al mi, ke mi citis malfavoran (por Gej) frazon el letero de *Thomas Pusch*, sed oni ne povas riproĉi al mi lian opinion. En mia artikolo oni ne preteratentu la vortojn "laŭ li".

Ja eĉ oni riproĉas al mi, ke mi publikigas la veron, nome ke la informfluo inter la estraro de GEJ kaj la Berlina oficejo BERO ne funkcias (legu en letero de Vera Tautorat: "... Neniu taskigis nin labori por la seminario ..."). — Temis pri **komuna** seminario de HES kaj GEJ.

Mi ne intencis ofendi iun kiu laboras en Berlin aŭ eĉ la oficejon entute.
Mi nur konstatis, ke la kunlaboro ne funkciis. La kaŭzojn, kial la oficejo ne estis informita pri la interkonsento, ke HES varbu inter siaj membroj kaj GEJ inter siaj, mi ne povas scii.

Almenaŭ — tiu afero montras, ke en Esperantujo tamen ekzistas kulturo, eĉ postvivis malnovaj kutimoj...
Estis kutimo en antikvaj kulturoj, **bati la heroldon**, kiam li transdonis malagrablan mesaĝon.

*Benno Klehr*

# Zamenhoffesto 1995

**La 2an de Decembro, je la 19a horo komenciĝos nia tradicia Zamenhoffesto en la suba salono de nia Esperanto-Domo. Necesas antaŭa anonco kaj menu-mendo.**

**Programo: Surpriza Menuo**

***Salutvortoj de la prezidanto***
**Unua manĝometo**
***Informoj pri venontaj aranĝoj***
**Dua manĝometo**
***Paŭzeto***
**Tria manĝometo**
***Kantado***
**Kvara manĝometo**
**Paŭzeto**
**Kvina manĝometo**
***Festparolado***
***Sesa Manĝometo***
**Prezentado**

**Bonvolu anonciĝi sufiĉe frue ĉe Elsbeth Wielgus, Tel. 254 29 36**
**La menuo ĉi-jare kostos 25,- DM**

## Antaŭ 50 jaroj

En Novembro de 1945 la Brita Armea Administracio permesis fondi kulturajn klubojn, do ankaŭ eblis fondi Esperanto-klubon.

Dum tiu tempo speciale aktivis *Oscar* kaj *Elisabeth Bünemann, Paul Bünemann* (Onklo Bü), *Felix Epstein, Karl Degenkolbe, Walter Behrmann, Hermann Theobald, Oskar Peters, August* kaj *Edith Weide, Hans Schütt, Helene Janda* kaj *Josef Kühnel.*

La Britaj aŭtoritatoj postulis politikan senŝarĝecon de la prezidanto de ĉiu klubo. La Hamburgaj Esperantistoj povis pruvi tion por ĉiuj estraranoj. Post la jaroj de la malpermeso de Esperanto-laboro, nun eblis denove aktivi, antaŭ ol aperis la unuaj postmilitaj gazetoj kaj antaŭ ol povis eklabori politikaj partioj por reorganizi Germanan ŝtaton. La agnosko de la nova "Hamburga Esperantosocieto" okazis komence de 1946.

Benno Klehr

## Nia tegmento

Nia tegmento nun estas riparita. Post forigo de rompiĝinta gudra kartono kaj flikado de la subportaĵo, nun kovras la tuton tri tavoloj da speciala materialo kun surfaco sablumita. La tuta laboro supozeble (ni ankoraŭ ne ricevis la finan fakturon) kostos pli ol 11.000 GM.

Certe tio estas alta sumo, kaj ni ne estas tiom riĉaj por pagi tion el la afranko-kaso. Tamen ni estas *tro malriĉaj, por elekti ion malmultekostan* — ĉar tiam ni devus post kelkaj jaroj denove pagi riparon, eble eĉ pli.

Do ni decidis komisii fakulon, surmeti vere daŭreman tegmento-kovraĵon, kiu espereble ne bezonos riparon dum jardekoj.

Ĉu vi konsentas, ke tio estis saĝa decido? Eble vi ŝatus subteni nian kason per tiu-cela donaco...

*Benno Klehr*

## Kotizoj por 1996

| | GEA | HES | kune |
|---|---|---|---|
| **ordinara membro** | **90,-** | **65,-** | **155,-** |
| **familiano /sen ensp.** | **30,-** | **35,-** | **65,-** |
| **junulo** (ĝis 26j.) | **30,-** | **30,-** | **60,-** |

Bonvolu pagi vian kotizon por 1996 jam fine de tiu ĉi jaro, ĉar ni devas pagi al GEA jam en Januaro 1996; krome ni devas pagi la riparon de la tegmento de la Esperanto-domo, kio ankaŭ tre ŝarĝos la kason jam en Decembro 1995. Mi dankas al ĉiuj geamikoj, kiuj jam pagis la kotizojn kaj donacis por la HES-klubejo.
Mi sendos "donac-kvitancojn" laŭ deziro al la donacemuloj/-inoj.

*Hella Lanka*

**Postbank Hamburg** (BLZ 200 100 20) **Konto n-ro 173 22 - 207**

# Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo invitas al Hansa Semajnfino

Dato: 19-a ĝis 21-a de Aprilo 1996

Loko: Bäk ĉe Ratzeburg (inter Hamburg kaj Schwerin)

Adreso: Christophorus-Haus
Am Hasselholt 1 • 23909 Bäk • Tel. 0 45 41 – 58 61

SHELO invitas ĉiujn Esperantistojn el la nordaj Germanaj federaciaj landoj kaj el la landoj ĉirkaŭ la Balta Maro.

La programo enhavos diversajn interesajn prelegojn, laborgrupojn kaj kunsidojn. krome okazos distra programo kaj ekskursoj.

La domo estas tre komforta (ĉiuj ĉambroj kun duŝo kaj necesejo), la manĝoj ampleksaj kaj la salonoj bone ekipitaj (ankaŭ teknike). Tamen la prezo estas tre favora.

## Aliĝu antaŭ la 10-a de Januaro 96!



# SHELO

**Organizado:**
La domo "Christophorus-Haus" estas Kristana kunvenejo. Pro tio estas avantaĝe, ke Hella Lanka nome de KELI kunorganizas la renkontiĝon. Pro tio la kotizoj de DM 155,– (dulita ĉambro) kaj DM 185,– (unulita ĉambro) eblis tiom malaltaj. Ĉiuj manĝoj estas inkluditaj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Vendrede: | — | (alveno) kafo, | vespermanĝo |
| Sabate: | matenmanĝo, | tagmanĝo, kafo, | vespermanĝo |
| Dimanĉe: | matenmanĝo, | tagmanĝo. | (fino de la aranĝo) |

Inter la manĝoj estas tempo por la diversaj prelegoj kaj kunsidoj;
Pli detalajn informojn vi ricevos post kelkaj semajnoj.
La aliĝilon sendu al unu el tiuj adresoj:


○ Christian Darbellay
Kaiserstraße 43
24243 Kiel
Tel. 04 31 – 73 50 16

○ Hella Lanka
Grünewaldstraße 2
22607 Hamburg
Tel. 0 40 – 89 24 07


Ne forgesu ĝiri la antaŭpagon de DM 30,– al la konto de HES: n-ro 173 22 - 207 ĉe Postbank Hamburg.

Ĉi tiu **mapo** montras la situon de la kunvenejo apud la lago de Ratzeburg kaj la **vojon al la kunvenejo** venante de la fervoja stacio de Ratzeburg kaj B 207 aŭ (vidu dekstre) de Schwerin. ➤



# ALIĜILO BÄK

**JES,** mi aliĝas al la Hansa Semajnfino en Bäk ĉe Ratzeburg (aliĝ-adreso dorsflanke). Miajn elektojn mi signis tiel: ⊗

Nomo ................................ Antaŭnomo ................................

Sekso (F) (M) Strato, n-ro ................................................

Poŝtkodo ............... Urbo ................................................

Telefono ................................ Fakso ................................

La aliĝkotizo inkluzivas tranoktadon kaj ĉiujn manĝojn

◯ Mi deziras1-litan ĉambron kaj pagos DM 185,–

◯ Mi loĝos en 2-lita ĉambro kaj pagos DM 155,–

Mi deziras loĝi kune kun ................................................

◯ Mi deziras vegetaran manĝaĵon

◯ Mi bezonas specialan ĉambron por handikapulo

◯ Mi petas, akcepti min ĉe la stacio Ratzeburg je ..................

◯ Mi mendas ekskurson sur la Lago de Ratzeburg (kroma pago)

◯ Mi mendas aŭtobusan ekskurson al la ĉirkaŭaĵo (kroma pago)

◯ Mi povas kontribui al la programo per ....... (klarigo dorsflanke)

**Mi ĝiris antaŭpagon de DM 30,–** (parto de la kotizo; ne repagebla) al la konto de Hamburga Esperanto-Societo n-ro 173 22 - 207 ĉe Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20).

Loko kaj dato ......................... Subskribo ................................

# ALIĜILO BÄK (2)

## Adresoj

La aliĝilon sendu al unu el tiuj adresoj:

○ Christian Darbellay
Kaiserstraße 43
24243 Kiel
Tel. 04 31 – 73 50 16

○ Hella Lanka
Grünewaldstraße 2
22607 Hamburg
Tel. 0 40 – 89 24 07

---

Notoj: ..............................................................................

..............................................................................

..............................................................................

..............................................................................

..............................................................................



La manĝejo de "Christophorus-Haus"

# Nia Programo 6/95

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## Decembro

2 **Zamenhoffesto de HES** (komenco 19 h)

9-10 **Eŭropo-Seminario de GEA** (vd. p. 11)

**En Decembro la Ĵaŭdaj klubvesperoj ne okazas.**

**Ni deziras ĝojan Kristnaskon al ĉiuj membroj kaj legantoj!**

La estraro de HES

## Januaro

4 *Hella Lanka:* **Raporto pri kunveno de la federacia konsailio kaj informoj pri la Norda Renkontiĝo 1996 en Bäk**

11 *Sylvia Pöhlmann:* **Planoj de la junularo**

18 *Werner Bormann:* **Fervojista kongreso en Zwickau '95**

25 *Hannelore Brunow:* **Klasika muziko**

## Kursoj

Post la ekspozicio "Du und Deine Welt" denove okazas kurso por komencantoj en la Esperanto-domo. Krome ankaŭ daŭrigas la kurso por progresintoj.
Detalajn informojn povas doni d-ro Bodo Schneider, Tel. 0 40 – 58 71 82

## GEFA kaj GIS

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* kaj *Gesellschaft für Internationale Sprache* havas **komunajn renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate.
Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona.
En Oktobro ne okazos renkontiĝo pro kongreso en Zwickau! Informoj: Tel. 58 71 82

Pro la artikolo "Adiaŭ Bonn – Bonan Nokton Berlin" en Esperanto Hamburg 5/95, p. 2, Germana Esperanto-Junularo postulis publikigon de la sekvaj kontraŭpozicioj.

---

La por septembro planita seminario de HES kaj GEJ ne okazis. La organizantoj/prelegantoj, nome Jürgen Wulff kaj mi, interkonsentis sufiĉe frue: la seminario nur okazu se almenaŭ sep homoj sinanoncas.
Unu kaj duonan semajnojn antaŭ la planita dato neniu sinanoncintis. Nek al adreso en Hamburgo (precipe Jürgen Wulff, kiu estis menciita en GEJ-Gazeto), nek al mi. Ankaŭ la GEJ-oficejo ne estis ricevinta sinanoncojn. JürgenWulff kaj mi tial planas denove daton post kelkaj monatoj, kiu estu pli bone privarbota.
Neniu 'kulpas' pri la neokazo de la seminario. Sendignajn atakojn al Berlino, kiel ili aperis en tiu ĉi cirkulero, mi tial nepre malaprobas.

Marcus Sikosek, GEJ-estrarano pri publika agado
[dato: 9.10.]

al "Esperanto Hamburg"
pri: "Adiaŭ Bonn - Bonan Nokton Berlin" (5/95)

PROTESTO!
La supre menciita artikoleto de Benno Klehr la legantaron grave misinformis. Ni, la kunlaborantoj de la Berlina Oficejo (BERO), protestas kaj deklaras:
- Neniu taskigis nin labori por la seminario "Per trafa varbado al sukcesa kurso". La ununura indiko, ke ĝi havu rilaton al BERO, troviĝas en GEJ-gazeto: tie estis skribita, ke informojn oni povas ricevi ĉe ni. Se iu postulas nian kunlaboron, li kompreneble devas kontakti nin rekte (ne pere de gazeto).
- Eĉ se ni ricevus ĝustatempe informojn pri la seminario, ne estus nia tasko varbi por ĝi. Aperis anonco en GEJ-gazeto, sed pli GEJ al neniu promesis. Same opinias ankaŭ nia prezidanto, Ulrich Görtz kaj la respondeculo por publika agado, Marcus Sikosek.
- Ni jes estas "laikoj", sed kun sperto de multaj jaroj - dum kiuj ni efike laboris por GEJ. Ke la "profesiulo" retiriĝis, ni same bedaŭras kiel verŝajne ĉiu, kiu scias pri la valora laboro de Thomas Pusch. Ni devas respekti lian decidon kaj esperas, ke li respektos - finfine - nian laboron.
- Ni jes laboras en "kortoĉambro", sed ĝis nun ni ne aŭdis pri rilato inter efika laboro kaj situo de oficejo (cetere: ĝi troviĝas centre en Berlin kune kun la oficejoj de multaj aliaj junularaj organizoj).
Ĉar tiu ĉi artikoleto ne estas la unusola senbaza atako kontraŭ nia oficejo, ni aldonas jenon: estas ege malagrable por senpagitaj libervoluloj, senti daŭre la rigardon de homoj, kiuj nur atendas nian unuan eraron... Ĉar ni apartenas al la genro "homo", erarojn ni povas promesi. En tia kazo la plej bona estus helpo de aliaj. Certe ne taŭgas insultoj (des pli: maljustaj). Ne nepre necesas, ke ĉiuj taskoj estas plenumigitaj en oficejo! La fermo de la oficejo en Bonn (pro financaj kialoj) estas bedaŭrinda afero. Ke spertulo retiriĝas el la esperanto-laboro eĉ estas grava vundo por GEJ. Sed! La demando estas: ĉu almenaŭ ni daŭrigu?!
Estus afable unue kontakti nin. Ni bedaŭras, ke s-ro Klehr preferis publikan plendon. Pro tio ni ankaŭ publike reagas.

Por BERO, Vera Tautorat
[dato: 25.10.]

# Jarĉefkunveno de HES 1996

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r. a. okazos la 22an de Februaro 1996, je la 20a horo en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg.

**La tagordo de la jarĉefkunveno havas la kutiman aspekton.**

**Ĝi enhavas jenajn punktojn:**

**- 1 - Jarraporto**
**- 2 - Kasraporto**
**- 3 - Raporto de la revizoroj**
**- 4 - Raporto de la konsilantaro**
**- 5 - Senŝarĝigo de la estraro**
**- 6 - Elektoj**
**- 7 - Buĝeto kaj kotizoj**
**- 8 - Diskuto kaj decido pri proponoj**
**- 9 - Diversaĵoj**

Atentu!

Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 8a de Februaro 1996.



Ĉu vi memoras?

Tiel aspektis la Esperanto-Domo en 1979

GEA invitas al

# Eŭropo-Seminario

## 9a kaj 10a de Decembro 1995

## en la Esperanto-Domo en Hamburg

Tiu ĉi seminario celas al interesitoj pri Eŭropo-politiko kaj pri lingvopolitiko en EU. La temoj: La kontrakto de Maastricht, la evoluo de la proceso de Maastricht II, la jura kaj fakta stato de la lingvoj en EU, rigardo al la ĝisnunaj aktivaĵoj de la Esperanto-movado. Celo de la seminario estas evoluigo de unuaj klopodoj por strategio de GEA kaj la Esperanto-movado rilate al Eŭropo-politiko.

Maksimume 18 partoprenantoj Kotizo: *DM* 45,–
Por la salono kaj 2x tagmanĝo, 2x kafo kaj kuko aldoniĝas *DM* 50,–

Aliĝoj kaj informoj ĉe: Barbara Brandenburg,
Langenbachstraße 5, 53113 Bonn, Tel: 02 28 / 23 32 79

**Deutscher Esperanto-Bund e.V. – Landesverband Hamburg (DEB/LVH)**
**Germana Esperanto-Asocio r.a. – Landa Ligo Hamburgo (GEA/LLH)**

Wahlperiode: nicht festgelegt (letzte Wahl: 1994-05-05)
Geschäftsstelle: Moelenwisch 20 A • 22453 Hamburg • Tel (0 40) 58 71 82
Vorsitz: Benno Klehr • Oelkersallee 31 • 22769 Hamburg • Tel. (0 40) 43 51 97
Geschäftsführung: Dr. Bodo Schneider • Moelenwisch 20 A • 22453 Hamburg • Tel. s.o.
Die Mitgliederrechte werden durch eine Delegiertenversammlung wahrgenommen.
Versammlungsort: Esperanto-Haus Hamburg • Klaus-Groth-Str. 95 • 20535 Hamburg

Mitgliedsvereine des Landesverbandes und ihre Delegierten:
Esperanto-Verein Hamburg e.V. • Benno Klehr, Hannelore Brunow
Gesellschaft für Internationale Sprache e.V. • Dr. Bodo Schneider, Elena Blasius
Vereinigung Deutscher Eisenbahner-Esperantisten, Bz. Hamburg • Klaus Böhnke
Veröffentlichungen in *Esperanto Hamburg*